Rafaela Urueña, naskiĝinta en Bilbao sed loĝanta en Valladolido, doktoriĝis pri juro en la tiea Universitato. Profesorino pri Internacia Juro kaj Internaciaj Rilatoj, ŝi specialiĝis pri Juro de la Eŭropa Komunumo, ŝi gvidis "Masters" kaj plurajn kursojn. Ŝi prelegis en IKU-sesioj de la Universalaj Kongresoj, kaj dum la pasinta Kongreso de la Eŭropa Esperanto-Unio en Mariboro (Slovenio). En Malago ŝi prelegis pri la nuntempa kaj tre interesa temo "Kial baloti en la Eŭropa Parlamento".


Diplomitoj de baza kurso kun la prezidanto de AEU

Fatima Jiménez kaj Marie Quilly, hispana kaj franca amikinoj loĝantaj en Granado, kie ambaŭ studas en Universitato, proponis al ni tre allogajn momentojn per filmetoj en Esperanto kaj per belaj kantoj.

La Esperanto-Klubo de la Aksarkio, provinco de Malago, kuraĝis deklami (mi diras kuraĝi, ĉar la dancistino, kiu devus danci dum la deklamado, pro akcidento ne kunlaboris) belegan poemon pri Mitologio, titolitan "La sonĝo de Endimion"

Kiel kutime, okazis senpagaj ekzamenoj kaj kursetoj pri baza kaj meza kursoj, kaj dek enskribitaj homoj ekzameniĝis pri niveloj A1 kaj A2, laŭ LTSEC, gvidataj de Perla Martinelli kaj Andrés Martin.

Malgraŭ varmego, la etoso estis, kiel kutime, amuza kaj la adiaŭo trista, sed kun la espero renkonti nin denove en la urbo Santiago de Compostela, kie okazos la 69-a Hispana Kongreso. La plimulto profitis la okazon ekskursi tra la urbo, vizitante senpage la Alkazabon kaj la katedralon; kelkaj havis la ŝancon travojaĝi la urbon en turisma buso. Kaj por definitive adiaŭi, grupeto da gejunuloj kaj ne tre junaj homoj tagmanĝis en alloga restoracio, apud la katedralo.



Intervjuo de EFE al la prezidanto de HEF

Ángel Arquillos

# Edukado en Ĉinio







***Historio***

Radikoj de la sistemo de formala edukado en Ĉinio atingas almenaŭ la 16-an jarcenton antaŭ Kristo, la dinastion de Shang (1523-1027 a.K.). Dum tiu periodo edukado estis la privilegio de nur kelkaj elitoj, kaj plejparte ekzistis por neniu alia kialo ol por 'produkti' ŝtatajn aŭtoritatulojn. Tiutempe, la edukprogramo baziĝis je tiel nomataj 'Ses Artoj': ritoj, muziko, arkpafado, ĉaro-regado, historio kaj matematiko. Kvankam, bazita je instruado de Konfuceo (551-479 a.K.) dum la epokoj nomataj *Printempo kaj Aŭtuno* kaj *Militaj Ŝtatoj* (770-221 a.K.), la edukprogramo laŭgrade liberigis la vojon por la sistemo bazita je 'Kvar Libroj' kaj 'Kvin Klasikstudoj' . Tiuj verkoj skizadis la principojn de socio kaj aŭtoritatoj, kodojn de persona konduto kaj kolektive difinis la filozofion de Konfuceo, kiu kaŭzis fundamentan influon al fakte ĉiuj aspektoj de la vivo, kaj certe al edukado, almenaŭ ĝis la Liberigo kaj kreskis je povo dum komunisma periodo komenciĝanta en 1949.

La sistemo, kiu edukis la elitklason estis determinata kaj firme subtenata, kaj por sekvontaj generacioj, la edukita elito baziĝis je amasa analfabetismo. La imperiaj aŭtoritatoj estis aktivaj je edukado nur se ĝi administris la variajn nivelojn de la imperia aŭ civil-serva ekzamenado, kiu estis uzita por selekti la imperiajn oficulojn. La ekzamenoj mem konsistis el eseaj demandoj, kiuj testis la komprenon de la kandidato pri la instruado de Konfuceo. La studentoj povis prepariĝi por tiuj ekzamenoj per enskribiĝo al privataj institucioj, tiel nomataj *shuyuan* (en la ĉina), kiuj ekzistis nur por prepari studentojn por la ekzamenoj por civila servo. Unu rakonto travivis dum generacioj, traktanta la malfacilecon kaj konkurencon en tiuj ekzamenoj: la ambicia vilaĝano komencis prepariĝi por la ekzamenoj en la frŭa junaĝo kaj ne sukcesis esti akceptita ĝis kiam li iĝis 54-jaraĝa. Antaŭ ol esti akceptita li porlonge estis malestimigita de la familianoj kaj amikoj – finfine lia sorto ŝanĝis tiom drame ke li freneziĝis pro ĝojo.

Do, ni povas vidi ke Ĉinio havas historion de selektado de talentoj tra naciaj ekzamenoj kaj tiel la civitanoj traktis la gravecon de ekzamenoj tiom altestime.

: ***Hodiaŭ***

Nuntempe Ĉinio havas nacivastan sistemon de publika edukado, kiu inkluzivas bazlernejojn, mezlernejojn (junioran kaj senioran), kaj universitatojn. Naŭ jarojn de edukado estas teknike devigaj por ĉiuj ĉinaj studentoj. La eduksistemo garantias senpagan bazedukadon dum ses jaroj (iuj provincoj povas certigi nur kvin jarojn por bazlernejo sed kvar jarojn por la mezlernejo), komencante je la aĝo sep aŭ ses, sekvantan per ses jaroj de la mezlernejo por studentoj 12-18 jaraĝaj. Je tiu nivelo estas tri jaroj de la ordinara mezlernejo kaj tri jaroj de la alta lernejo. La Ministerio pri Edukado raportis 99% da frekvento por bazlernejoj kaj 80% por ambaŭ baz- kaj mezlernejoj. Ekde kiam senpaga edukado estis abolicigita en 1985 la kandidatoj al kolegioj kaj universitatoj devas konkuri por stipendioj bazitaj je akademiaj eblecoj. Privataj lernejoj estas permesitaj ekde frŭaj jaroj de 1980.

Baza edukado:
Baza edukado en Ĉinio inkluzivas antaŭ-lernejan edukadon, bazedukadon kaj regulan mezlernejan edukadon.
Antaŭlernejo, aŭ infanĝardeno, povas dauri ĝis tri jaroj, kun infanoj partoprenantaj ekde aĝo tri ĝis aĝo ses, kiam ili kutime eniras baz-lernejon. La akademia jaro estas dividita je du semestroj.

La mezlerneja edukado estas divigita je akademia mezlerneja edukado kaj specializita/profesia/teknika mezlerneja edukado. La akademia mezlerneja edukado konsistas el akademiaj malsupraj kaj supraj mezlernejoj. La studentoj finantaj la malsupran mezlernejon kaj dezirantaj daŭrigi la edukadon submetas sin al la loka administrita enirekzameno, sur kies bazo ili havos eblecon aŭ daŭrigi en la akademia pli supra mezlernejo aŭ eniri la profesian mezlernejon. La profesiaj mezlernejoj ofertas 2- ĝis 4-jardaŭrajn programojn kaj trejnas meznivelajn laboristojn, farmistojn, krome estradan kaj teknikan dungitaron. La teknikaj lernejoj normale ofertas 4-jarajn programojn por trejni mezprogresintan dungintaron. “Lernejoj por Lertaj Laboristoj” kutime trejnas studentojn post juniora mezlernejo por postenoj postulantaj la spriton en produktado kaj operaciado. La trejnado daŭras normale 3 jarojn.



**Alta edukado:**

Alta edukado je subgrada nivelo inkluzivas 2- kaj 3-jarajn juniorajn kolegiojn (ofte ankaŭ tiel nomataj mallong-ciklaj kolegioj), 4-jarajn kolegiojn kaj universitatojn ofertantajn programojn en ambaŭ akademia kaj profesia studoj. Multaj kolegioj kaj universitatoj ankaŭ ofertas programojn gvidantajn al akiro de magistra aŭ doktora gradoj.
Ĉina alta edukado je subgrada nivelo estas dividita je tri-jaraj kaj kvar-jaraj programoj. La unua estas ofertita ne nur ĉe mallong-cirklaj kolegioj, sed ofte ankaŭ ĉe kvar-jaraj kolegioj kaj universitatoj. La lasta estas ofertita ĉe kvar-jaraj kolegioj kaj universitatoj sed ne ĉiam tio gvidas al bakalaŭriĝo.
Multaj eblecoj de alta edukado kreas ankaŭ la ĝeneralan kategorion de edukado por plenkreskuloj.

La kategorio de edukado por plenkreskuloj kongruas kun ĉiuj tiuj supre menciitaj kategorioj. Porplenkreskula bazedukado inkluzivas Bazlernejojn por Laboristoj, Bazlernejojn por Kamparanoj kaj skrib-kaj legkapabligajn klasojn. Porplenkreskula mezlerneja edukado inkluzivas radio- kaj televidspecializigitajn mezlernejojn, specializigitajn mezlernejojn por kadroj, specializigitajn mezlernejojn por dungintaro kaj laboristaro, specializigitajn mezlernejojn por kamparanoj, instruad-trejnadajn lernejojn kaj korespondad-specializigitajn mezlernejojn. Porplenkreskula alta edukado inkluzivas radio/televidajn universitatojn, kadrajn institutojn, kolegiojn por laboristoj, porkamparanajn kolegiojn, korespondadkolegiojn kaj edukadkolegiojn. Plejparto de la supremenciitaj ofertas ambaŭ tri-jarajn mallongajn edukprogramojn; nur kelkaj ofertas subgradan edukprogramon.

**Pozitivaj kaj negativaj flankoj de ĉina edukado**

Pozitivoj:

1. Longaj studadhoroj ≈ bonegaj kapabloj en testprenado

Ĉina studentaro, kreskanta ĉe la skribotablo, estas tre lerta je ekzamenado, kiu kontrolas la bazan scion. La studentoj estas lertaj je enmemorigado de la teorioj kaj tre rapidaj dum solvado de matematikaj problemoj. Tial la ĉinaj studentoj superigas la aliajn en ĉiaspecaj internaciaj ekzamenoj kiel ekzemple IELTS kaj GRE, eĉ se la taskoj estas en fremda lingvo kaj la test-preparantoj ne estas ĉinoj.

2. Longaj studadhoroj ≈ pezlabora etiko

En alta lernejo (kaj eĉ en juniora alta lernejo), plejmulto de ĉina studentaro studas ĝis la fino de la studhoroj. Ili estas alkutimigitaj al longaj horoj de solvado de matematikaj problemoj aŭ skribado de eseoj ĉe la skribotablo, kio preparas ilin por peza labor-mondo kiu atendas la plejmulton de ĉinaj laboristoj, la profesiajn kaj la blukolumulojn. Jaroj de nokta studado iĝas la realeco de kromhoroj ekde kiam la tipa ĉino komencas laborvivon.

Negativoj:

1. Troa koncentriĝo je libroj, ne praktiko

Ĉinoj strebas al alligo de la graveco al superaj rezultoj kaj la studentaro estas facile dividita al diversaj klasoj laŭ rezultoj. Tio montras, ke pri multaj aferoj decidas nur rezultoj, kiel ekzemple 'triobla-A' eminenta studento, kolegia agnosko kaj ŝatado. Konsekvence, la studento ligiĝas al siaj libroj por akiri altajn rezultojn, multaj el ili iĝas eĉ 'librotineoj', multaj eĉ fraŭdas en la ekzamenoj. Sendube, tiu ĉi speco de la nur-libra kaj nur-porrezulta edukado havas larĝan fendon kun socia praktiko. Pro tiu kialo multaj studentoj trovas la malfacilaĵojn dum eniro al la socia aktivado kaj reala negocmondo post la gradiĝo.

2. Troa koncentriĝo je la scio mem, ne kiel gajni ĝin

Kompare al studentoj de evoluiĝantaj landoj, la ĉinaj studentoj estas pli pasivaj kaj malpli kreemaj. Kial? Pro la rezult-orientiĝo, la studentoj ne estas kuraĝigataj al demandado sed al memorigado. Instruistoj kaj gepatroj zorgas pli pri 'Kion vi ellernis hodiaŭ?' anstataŭ 'Kiel vi ellernis tion?'. Kun bedaŭro oni rimarkas multajn ĉinajn studentojn kun alta intelekta kvociento sed malalta emocia kvociento! Ĉinaj studentoj estas alkutimigitaj doni la 'oficialan respondon' al la demando, pro tio ke oni postulas de ili enmemorigi la ŝlosilajn respondojn por la testo. Ili strebas lerni pasive anstataŭ pensi kree kaj kritike.

3. Troa koncentriĝo je gravaj aĵoj, per mallarĝaj horizontoj.

Por travivi en moderna socio, la devo de kompetenta persono estas havi larĝajn horizontojn. Sed la realeco en la ĉina edukado estas vere frustriganta. Ekzemple, okazas ke la medicina studento scias nenion pri la filozofio, historio aŭ arto.

4. Troa ŝarĝo por permesi al la studentoj vere interesiĝantaj lerni mem.

Ĉinaj studentoj ricevas tiel multe da hejmtaskoj kaj premo ke ili akceptas la studadon kiel ŝarĝon. Ili estas pasivaj studentoj alkutimigitaj al konvenciaj vojoj de pensado. Estas tre kredebla ke kiam ili forlasos ilian studentecon, ili fuĝos de la montoj de libroj por ĉiam. Vivlonga studado estas do pli universala en okcidenta mondo ol ĝi estas en Ĉinio.

Dum mia laboro instruante hispanan lingvon kaj Esperanton en Ĉinio mi konstatis ke ĝenerale ĉinaj lernantoj estas bone disciplinitaj kaj diligentaj. La konduto ĉe la klasĉambro estas sufiĉe bona. Ili bezonas iomete pli ta tempo por akiri fremdajn lingvojn ol okcidentuloj, ĉefe pro la granda malsimileco de la ĉina lingvo kun la eŭropaj. Tamen tio ne montras ke ĉinoj estas malkapablaj. Same okazas en okcidento por lerni la ĉinan. La instruteknikoj en Ĉinio devas esti adaptitaj al la loka kulturo kaj metodoj.

Augusto Casquero

# EEU KONGRESO EN HERZBERG

La 8a Eŭropa Esperanto-Kongreso okazis ĉijare en la bela germana urbeto **Herzberg**, kien ni alvenis la 27an de majo. En la momento atingi la stacidomon, ni jam restis surprizitaj, ĉar apud la nomo de la urbo, aperis ankaú la kromnomo “la Esperanto-urbo”.
Antaŭ vojaĝi tien ni jam sciis ke Herzberg estis nomata “la Esperanto-urbo” sed ni ne pensis ke tiu titolo kunportos ke pluraj indikiloj en la urbo aperas en Esperanto, ke en pluraj restoracioj, ni povis mendi la manĝaĵojn per la “esperanto-karto” tio estas la tuta karto de la restoracioj tradukitaj al Esperanto, kaj konsekvence ke en kelkaj restoracioj la deĵorantoj salutis al la esperantistoj en nia “komuna lingvo.”



Jam promenante tra la centro de la urbo, en la fasado de la malnova urbodomo, nuntempe la turisma oficejo, aperas granda titolo kun la frazo “*Bonvenon en Herzberg, la esperanto-urbo”*.
Eĉ la Urbestro de Herzberg , S-ro Gerhard Walter, estas tre favora al Esperanto, kaj akompanis la kongresanojn dum la inaŭguro kaj en aliaj momentoj.
Se al tio ni aldonas ke la Urbestro, kiu venis inaŭguri la Kongreson estas, kiel dirite, tre favora al Esperanto, oni povas kompreni ke ni sentis nin ekde la unua momento en esperanta etoso.
Sed ankaŭ ni devas agnoski ke ĉio antaúe dirite estas sukcesoj de pluraj laboremaj esperantistoj, kiuj ekde S-ro Giessner, jam forpasinta, ĝis la nunaj Peter Zilvar, Zsofia Kóródy kaj aliaj kiuj fervore aktivis tiucelen.






Pri la Kongreso, okazinta en moderna Gimnazio, ni elstarigos diversajn interesajn prelegojn, ĉefe tiun de D-ro Sean O´Riain (Prezidanto de EEU), teatran vesperon tre amuza pri "Münchhausen, la vera kazo" (pupteatro), la koruson *Szená-Torok* de la hungara parlamentanoj, la infanan dancensemblon el Toruno, ktp.
La unua rigardo tra la urbo, ni faris komune, gvidataj de lokaj esperantistoj kiuj kondukis nin al diversaj stratoj por vidi la multajn belajn tramdomojn, la kastelon kaj ĝian muzeon kaj esperantan ekspozicion.
Sur la foto, mi aperas kun S-ro Rynduch, kiu ekspoziciis en Herzberg tre interesan kolekton da esperantaĵoj.
La dimanĉon 31an de majo, okazis en la urbo grava evento. La urba festparado kun diversaj kostumoj kaj flagetoj kie partoprenis la tuta loĝantaro, piede kaj surĉare, la ĉasistoj, bele vestitaj, kaj kie ankaŭ partoprenis la esperantistoj, kiuj por elstari kunportis verdajn pluvombrelojn kun la vorto "Esperanto". Komence kaj fine de la parado, kiu trakuris la tutan urbon, estis blovmuzikistoj. Sur la foto oni vidas la verdajn pluvombrelojn antaŭ la komenciĝo de la parado.
Ankaŭ estis tre interesaj la ekskursoj programitaj por la kongresanoj: Unue, buse, al la urbo **Goslar**, trapasante la Harz-montaro, kie ni haltis por foti, en la plej alta pinto de la montaro. Tiu ĉi urbo estas tre bela kaj grava, havas imponan kastelon, kaj pro ĝia historio kaj bona konservado, estis deklarita de Unesko monda kultura heredaĵo.
La alia estis trajnekskurso al **Braunschweig**, kun gvidado, kie ni vizitis la mondfaman muzeon kaj la malnovan historian urboparton.
Fine, mi devas diri ke la 8a Eŭropa Esperanto-Kongreso okazis samtempe al la 86a Germana Esperanto-Kongreso, en la sama ejo, kaj sub la slogano "*Esperanto por multkultura Eŭropo*", alloga slogano ĉar en ili partoprenis esperantistoj el 28 landoj.



Resume, tre interesa restado en Herzberg am Harz, kaj mi konsilas al la esperantistoj kiuj deziros vivi en vera esperantista etoso, viziti tiun germanan urbon.

Rafaela Urueña

# DOÑANA 40-JARA

Antaŭa parto publikigita en "Boletin" Nº 387 Aprilo/Junio 2009

## Daŭrigo

Danke al la aĉeto de aliaj bienoj kaj al la deklaracio kiel Parko, oni bremsis la elakvigon de la marĉejo kaj oni evitis amasan plantadon de eŭkaliptoj kaj la disvolvon de Matalascañas, deklarita de nacia turisma intereso en la 70-aj jaroj.

La unua kanaligo de Guadiamar okazis en la jaro 1947, venis aliaj, kiel la nomataj arbo-faligado de La Torre kaj de Oriente por faciligi navigadon tra la rivero Guadalquivir, kio izolis kaj ankoraŭ daŭras la marĉejon de la akvoj de la rivero. La ĉesigo al la antikva abundo de natura enmarĉegita akvo alvenis en la jaro 1971 kun la aprobo de la Plano Almontes-Marismas. La iniciato, deklarita de nacia intereso, celis transformi 45,000 areojn de marĉejo, vesprejo kaj monteto mediteranea de la centro de Doñana, en irigaciaj kultur-grundoj, pumpate subterajn akvojn de la akvo-hava tavolo 27.



La saman jaron WWF sin oponis al la iniciato kaj aĉetis 50 pliajn marĉejajn areojn, en la koro de Doñana kiujn oni aldonis al la proprieto de la Rezervo Biologia de Guadiamar, Malgraŭ la elakvigo de la menciita Plano, defendantaj de la FAO kaj la Instituo de Reformo kaj Disvolviĝo Agrara (IRYDA), perdiĝis ĉirkaŭ 15,000 areoj, tiu perdo signifis gravan transformon. Malaperis akvo, vivo kaj ekosistemoj integritaj, oni malfermis la pordon al intensiva agrokulturo en la ĉirkaŭaĵo de la Parko. En 1974 unu el la ĉefaj arterioj kiuj alportis akvon al la marĉejo, la akvofluo de Guadiamar, estis nuligita por permesi ĝian elakvigon kaj novajn kultivadojn.

## NI SAVU DOÑANA-N

Tiom da elakvigoj, kanaligado, malfermo de putoj, kaj transformoj, reduktis la surfacon de la marĉejo je 30,000 hektaroj. Zorgante por la futuro de Dañana en 1988, WWF kaj la UIN kreis internacian komisionon de spertuloj pri hidrogeologio, kiu konsistis de G. Hollis, Pierre Heurteaux kaj James Mercer. Ili vizitis Doñana-on en oktobro samjara, kaj konkludis neeblan la daŭrigado de ties agadoj. (Iliaj 40 konkludoj kaj 23 konsiloj estis publikigitaj en *Panda* 27.) La sekvantan jarojn la registaro de Andaluzio kreis la Parkon Naturan de Doñana, kio estis vera subteno por savi la maksimuman protekton de la Nacia Parko.

Iom poste, kaj malgraŭ la konsiloj de WWF, aperis urba projekto, Marbordo Doñana. Al sciencistoj kaj konservuloj aliĝis nekredebla socia respondo kaj miloj da personoj konvokitaj per la Platformo *Ni savu Doñana-n*. Pli ol 150 sociaj organizaĵoj, sindikataj kaj politikaj sin manifestis en multaj lokoj. La protesto paralizis la hotelan projekton kaj rezidejan, io tre grava por ke hodiaŭ ekzistu pli ol 60 kilometroj de strando sen urbanizado. Ekzemple, je la komenco de la 90-aj jaroj oni konstatis, ke la malsano hemoragia viruso, kiu mortigis la kuniklojn de Doñana, kaj plej malgaje, aperis sabotoj kaj venĝoj; iuj nekonatuloj bruligis la kontraŭ-incendiajn veturilojn de la parko, aliaj ŝtelis la dokumentojn pri neleĝa ĉasado. Cele trovi solvon por la estonteco, la Aŭtonoma Registaro de Andaluzio kunvokis internacian komisionon de spertuloj kaj oni redaktis, Informon pri: Estrategioj por la Disvolviĝo Socio-Ekonomia Subtenebla pri la Ĉirkuaĵoj de Doñana. Ĝi estis la unua plano pri disvolviĝo subtenebla en la distrikto.



## DOÑANA ENVENENIGITA

La protektado de la spaco ampleksiĝis en la ĉirkaŭaĵo. Sed nenion validis la avertoj faritaj de ekologiistoj pri la akvoj devenantaj de minejo en la norda parto de la Parko, ĉar en la mateniĝo de 25-a de aprilo 1988, rompiĝis la bariero de la marĉejo, kiu entenis la toksajn restaĵojn de la entrepreno Boliden, en Aznalcóllar. Tri milionoj da tunoj el kotaĵo, ŝlimaĵo kaj kvar milionoj da kubaj metroj da acidaj akvoj infektis la riveron Guadiamar kaj alvenis ĝis la pordoj de la Nacia Parko. Tio plej urĝa estis forigi la slimaĵojn toksigajn, kaj atenti pri eblaj pluvoj antaŭ aŭtuno, por eviti ke la infektado etendiĝu al la tuta marĉejo. Cele, ke la diversaj administracioj de lando, rapidigus ĝian purigon, WWF Hispana kolektis pli ol 30,000 subskribojn, pere de la revuo *Panda*.

La novaĵo estis diskonata tutmonde, kaj kelkaj oficejoj de WWF kolektis monon por ke la hispana organizaĵo povu havi dosieron pri ĝenerala imformado rilata al akcidento kaj postuli al UE prenu rimedojn en ĉi tiu kaj en aliaj zonoj, kun problemoj de granda risko, Jaron poste oni pretigis agado-planon, cele eviti la toksigon provokita per la eltiro de metaloj kaj en 2002 WWF hispana prezentis sian informon: **Minejoj de Doñana,** per kiu oni avertis pri la risko kaj konstanta kontrolo.

DAŬRIGOTA

# La naskiĝo de du popolaj versoformoj

Dum la regado de la emiro Abd-Allāh (844-912), unu jarcento post la ekrego de la unua al-andalusa omajo, en unu el tiuj periodoj en kiuj la popolo ne plaĉe akceptis la ekscesojn de la Kordova povo, naskiĝis tute originala versoformo nomata **moaŝaho** (1).

Disvastigis tiun novaĵon Julián Ribera en 1915, kaj post studo de antikvaj manuskriptoj konfirmis tiun naskiĝon antaú ne longe, tri prestiĝaj arabistoj: la ĉeĥo R. Nykl, la egipto Abd al-Ahwani kaj la hispano Emilio García Gómez, kiuj certigis, ke laŭ Ibn Bassām el Sevilo en 1109, kaj al-Hiyārï el Gvadalajaro en 1106, ambaú citis kiel realaj la ekziston de du poetoj loĝantaj en Cabra (dek kilometroj sude de Kordovo), kiuj inventis tiun poezian versoformon, prezentanta tri revoluciajn novaĵojn, gravaj unikaĵoj tiuepoke:

a) Mallongaj versoj (la araba metriko konsistis el sufiĉe longaj versoj).
b) Versoj grupigitaj laú strofoj kun ŝanĝiĝantaj rimoj (ne kiel la unurima kasido araba).
c) La poemoj verkitaj en la araba havis ĉe la versofinoj esprimojn en la hebrea aú en la romanca lingvoj. Tiuj versofinoj estis nomataj harĉoj kaj ofte estis recitataj aparte de la poemo-kerno.

Tiu **moaŝaho,** se kantata aŭ pli dialekte skribita, estis nomata **zeĝelo,** kiun kelkaj arabistoj opinias, ke ĝi estis inventita multaj jaroj poste kun similaj elementoj kiel tiuj de la moaŝaho. Jen ekzemplo de tiu verso-formo verkita de la mistika poeto Granadano As-Sustari:

Jen la lum' de l' bona vojo
brilis por mi en la koro.

Ŝprucis suno el konceptoj,
kaj la lum' el perfekteco,
vibris en mi kiel vero
kun intenso kaj fervoro.

Jen la lum' de l' bona vojo
brilis por mi en la koro.

---

1 Moaŝaho: (Ar. Muwassaha, vorto kiu tra wisah kaj wassaha signifas "leda zono ornamita per inkrustaĵôj": Versoformo inventita, laú kelkaj prestiĝaj arabistoj, de Muqaddam ibn Mua´fa aú de Mŭhammäd ibn Hammud al Cabri "la blindulo", (de Cabra, proksime al Kordovo). La inventintoj estis favoratoj de la emiro Abd Allad (888-912). La moaŝaho estis versoformo verkita en la klasikaj araba lingvo, kaj kutime uzata en popolaj medioj.

Mi aspiras l' Amatinon.
Li dorlotis min plej plaĉa,
metis min survoje ama
laú mia sentiva volo.

Jen la lum' de l' bona vojo
brilis por mi en la koro.

La plej prestiĝa verkisto de zeĝeloj estis Abd al-Malik ibn Quzmän, naskiĝinta en Kordovo en la jaro 1078, aŭtoro de kompleta verko, *Kanzonaro*. Jen unu el la poemoj, en kies teksto li montras altan memestimon pro lia kontribuo al la perfektigo de la zeĝelo

La zeĝelon, grandtrezoron,
elpurigis mi je nodoj.

El zeĝelo senesprima,
faris mi alian brilan,
kiel orjuvel' fascina
riĉa pri sonorparoloj.

La zeĝelon, grandtrezoron,
elpurigis mi je nodoj.

Kiom belas ĉi zeĝelo!
Kiel ĉarmas ĝia teksto!
Loge sonas en orelo
freŝa stilo kaj dolĉ-vortoj.

La zeĝelon, grand-trezoron,
elpurigis mi je nodoj.

De l' zeĝel', sultano mia,
mi fariĝs plengenia,
dum zeĝelo mia brilas,
la ceteraj kaŝas honton!

---

2 Zeĝelo: Versoformo konsistanta el du oksilabaj versoj unurimaj, kiuj funkcias kiel refreno. Poste, tri unurimaj versoj, kaj la kvara rimanta kun tiuj de la refreno Laú plej elstaraj kompetentuloj pri la temo, la zeĝelo influis en la naskiĝo de la provencala poezio, precipe tiu de unu el la plej konataj trobadoroj, Vilhelmo de Poitiers, duko de Akvitanio. Ankaú ĝi multe influis en la formiĝo de la okcidentaj lirikoj.

La zeĝelon, grandtrezoron,
elpurigis mi je nodoj.

Laŭ dedukto de kompetentaj arabistoj per aludoj en poemoj de Ibn Quzmän, tiujn zeĝelojn oni kutimis kanti ne nur fare de unu sola kantisto, sed kun popola partopreno, kvazaŭ ĥoro, kaj la publiko ripetis la refrenon ĉiu-foje ke la kantisto atingis la kvaran ŝanĝo-verson de ĉiu strofo.

Tiu kantonovaĵo multe amuzis la popolon, ĉar variigis la rigoron de la unurima araba kasido, nur recitata en palacoj, bienodomoj kaj lirikaj fakaj medioj.

Kun la pasado de l' tempo, la simpla popolo, ripetis unu kaj alia fojo tiujn versopecojn, kaj ne ĉiam en la araba lingvo, sed plejofte miksitaj en la romanca aŭ hebrea, kaj tio enkondukis al la formiĝo de poemetoj nomataj harĉoj, tiel antikvaj —diris la eminenta erudikciulo Ramón Menéndez Pidal, "ke la poemo de *Mio Cid* (12a jarcento) ŝajnas kvazaŭ verkita antaŭhieraŭ.

La plezuro kiun vekas en la leganto tiuj primitivaj poemetoj, estas kio impulsis min sekvi la vojon de la menciitaj scienc-esploristoj por transdoni al vi version en Esperanto pri tiu duonkaŝita ĝardeno de l' pasinto, kie kreskis la plej delikataj floroj de la hispana liriko apenaŭ naskiĝintaj, pri la temo ĉiam interesa kaj kelkefoje pasia de la homa amo. Al tiuj el miaj legantoj, kiuj bone scias la historion pri la originoj el nia Liriko ekde ĝia naskiĝo, mi petas senkulpigon, ĉar mi ripetas tion, kio ili ja bone konas. Efektive, tiuj menciitaj poemetoj, plejofte parolis pri amo. Jen unu el la plej primitivaj, en kiu konstateblas la arabaj vortoj miksitaj al la romancaj:

Vayse meŭ coraçon de mib,
Ya, Rab, ¿si me tornarad?
¡Tan mal meŭ doler li-l-habid!
Enfermo yed, ¿Cuándo sanarad?
Kies tradujo estas:
Mia kor' el mi forkuras,
Ho Di' ! ĉu ĝî revenos?
La dolor' al mi torturas
Pro l' amat', ĉu li bonvenos?

---

*(3) Harĉô: Vorto el araba deveno, kiu ricevas la lastajn versojn sur la lasta strofo de moaŝaho. La egipta poeto Ibn Sanä al-Muliq (1155-1211), en sia prilirika regularo difinanta la "jarayya" indikas, ke ĝi devas esti skribita en la araba vulgara aŭ en la lingvo romanca. Nur nome oni konis la harĉon ĝis kiam Stern en 1948, kaj García Gómez en 1952 malkovris dudek-kvaron el ili.*

Ekzistas multaj poemetoj kiel ĉi tiu, kies traduko montriĝas pli ol malfacila, sed la problemo ne kuŝas en la miksaĵo de lingvoj, sed en la traduko de popolaj dialektoj, kelkaj pli influataj de la araba kaj aliaj de la romanco el la diversaj regionoj.

**Antonio Marco Botella**

Daŭrigo

Pasas jarcentoj: Navara kaj Bearne estis memstaraj regnoj, hodiaŭ ili estas membroj de potencaj ŝtatoj. Kun tiuj ĉi, ili trapasis militadojn, revoluciojn, diktatorojn; ili estas laŭtempe absolutaj monarkioj, konstituciaj regnoj, Respublikoj.... Sed, ĉu pace, ĉu dummilite, vivas la lando, ĉu tiuj ĉi aŭ tiuj aliaj ŝtatestroj estrus ilin, ĉiujare, la 13an de julio la Pirineaj montoj reflektas la allogan parolon –atestanto de l' pasinteco, heroldo de la estonteco:

Pax avant! (Paco antaŭen!)

Kaj ni daŭrigas priskribante la kunlaboraĵojn de Amalia kun la citita E-gazeto:

"Pri hungara kaj hispana fabelo" de Timoneda (traduko)
"Vulzio" –elegio de Hegesippe Moreau (franca poemo) –traduko-
"Birdina Amo" (rakonteto).
"Jubileo" (rakonteto pri kiel ŝi enamiĝis kaj volis lerni Esperanton).
"Krimulaj kuniklmurdistoj" (kritika rakonteto).
"La Lernejo" de Anatole France (traduko).
"La Cid alvenas al Burgos" (poemo tradukita).
"Lope de Vega" (traduko de biografio).
"Du malnovaj rakontoj" de Timoneda (traduko)
"El la palaco de la perloj" poemo de F. Villaespesa (traduko)
"La tri ŝpinistoj" de Luis de Zulueta (traduko)

Kaj denove plian originalan poemon:

(*) *Mi reproduktas ĉi tiun rakonton, ne nur ĉar estas verkita de Amalia, sed ankaŭ ĉar dum la jaroj sesdekaj, la Aragona E-Centro Frateco de Zaragozo, estis invitita al tiu ceremonio, kaj aŭtobuso plena de zaragozaj geesperantistoj ĉeestis tie. Plaĉe mi rememoras tiun ekskurson ĉar tiu kvazaŭ legenda ceremonio estis tre bone reprezentata. Se al tio oni aldonas la agrablan etoson inter la protagonistoj de tiu kvazaŭ rito, la belecon de la montaro kaj la harmonion kiu regis dum la renkontiĝo, ankaŭ kun francaj geesperantistoj, oni povas resumi, ke tiu estis unu el la plej bonaj ekskursoj kiuj tiam oni organizis en nia Esperanta Rondo.*

**SIRINGOJ!   SIRINGOJ!**
Florsimbolo: unua amemocio.

Freŝa siring' ornamanta
mian tablon dum labor',
ho, kiom da rememoroj
vekas en mi via flor'!

Lancoj formas la folioj
kaj krucetojn la petal',
krucetoj de Fastotempo
etaj  lancoj de batal'.

Vin vidante, mi la scenojn
infantempajn revas tuj
kiam lerte mi surgrimpis
al maljunaj siringuj'.

Kaj sub kiso de la suno,
meze de flor' kaj foli'
ravis min la nekonata
"Unua amemoci'  "

Mi rekte grimpas plu sur l' arbon
nek sopiras antaŭ viv';
sed de juna tempo estas
via parfum' elvokiv'.

Kaj, laŭ dum la dolĉaj jaroj
jam pasintaj pro domaĝ' ,
kantas vi pri am'  kaj revoj
kaj printempo kaj junaĝ.

En 1932 la poezio de Amalia estis plej alte estimata, ĉar oni akceptis publikigi ŝiajn poemojn en la plej bona gazeto de la esperantista tiama gazetaro *Literatura Mondo*, kiu publikigis du poemojn: **“Stelara Voĉo”** kaj **“Nokta Bildo”**. Kaj en decembro de 1933 tiu sama gazeto publikigis **“Dum novembra aprilo”** kaj **“Kvazaŭ formikoj”**, tiuj poemoj menciitaj estis elektitaj de Kalman Kalocsay por la eldonota verko **“Dekdu Poetoj”**, kiu efektive aperis en 1934, grandparte el ili aperintaj kelkaj jaroj poste ankaŭ en la grava verko ***Esperanta Antologio*** (1984).

Unu el la dekdu poetoj elektitaj estis Amalia Núñez Dubús, kies originalaj poemoj, eble la plej bonaj, kiujn ŝi verkis, ĉi-sube ni plaĉe reproduktas:

**RIVERO**

Ĝi ne plu rememoras sian subteran kuron,
sed kun plezur’ memoras sian naskiĝan fonton
inter la rokoj, kiam la vastan horizonton
unue ĝi ekvidis, kaj la ĉiellazuron.

En kia marŝ’ freneza ĝi rapidante bruis
tra denso de filikoj, kantante vivoĝojon,
per kia fort’ la ŝtonojn kaj trunkojn ĝi ekskuis,
petante de l’ Naturo liberan kuro-vojon.

Rebrilis ĝiaj ondoj pro l’ sunobril’ junia,
ĝis fundo elsekigis ĝin la somera varmo,
kaj dum la vintra nokto, kruela kaj glacia,
la frost’ katenon metis al ĝia ondo-svarmo.

Sed kiam la katenon sezono nova rompis,
kaj liberiĝis vigla la muta suferanto,
ĝia ridanta fluo denove punte pompis,
kaj ĝia ŝaumo bruis per gaje laŭta kanto.

La dornojn kaj la florojn ŝprucante ĝi akvumis,
por ĉiuj frato ĉiam, kiel infan’ sen kulpo;
ĉeborde dum ĝi ravan melodieton zumis,
sin banis gekolomboj kaj trinkis laca vulpo.

Al ĉiuj ĝi donacis ofere serenecon,
amiko de l' bonuloj kaj de la malbonuloj,

maldanke oni en ĝin ĵetadis tero-pecon,
sed ja ne malpuriĝis la dancaj ondspeguloj.

Sed ve, nek temp', nek vivo ja senpostsigne pasas,
laciĝis kur' senbrida kaj ŝaumokanto rida,
la ebenejo sekvas, la montojn ĝi forlasas,
ju pli ĝi estas larĝa, jen des pli malrapida.

Ĝi estas larĝa, glata, majesta kaj profunda,
post la vojaĝo longa, kun lac' fiera zumas,
nenie sub la ondoj videblas ŝtono funda,
ĝin vintro ne katenas, somero ne konsumas.

Kaptita de la homoj ĝi estas nun utila,
ĝi movas muelilojn, uzinojn kaj fabrikojn,
ĝi pruntas sian dorson al pram' kaj ŝip' facila,
akvumas per kanaloj florkampojn kaj brasikojn.

Irado ĝia iĝas nun eĉ pli malrapida,
ĉar salo ja penetras amare en ondaro,
anoncas tiu salo pri l' maro viv-avida,
pri l' senmezura, nigra, terura, granda maro.

Pri l' mar', kiu ĝin glutos, sed ja el kies gluto
ĝi renaskiĝos iam per kiso de somero,
por esti ree nubo, vaporo, pluvoguto,
fonto, flueto, freŝa, torento kaj rivero.



## DUM NOVEMBRA APRILO

Aŭtuno volas festi,
printempe sin transvesti,
burĝonas nove flor',
eksaltas ree kor'
          por nesti.

Kaj tamen venas vintro
(sed ĝi prokrastos sin tro).
Post pluvo dumonata
ĉiel' lazura, glata,
          post cindro.

Ĉu estas pli alloga
vort' vera aŭ mensoga?
Ĉu portas pli da sveno
sanilo aŭ veneno
          droga?

Ni revu: temp' someras,
mi kredas kaj esperas;
nigrega okulparo
min gapas en l' arbaro.
          -Am' veras.

## NOKTA BILDO

Sonas el la turo du hor' kaj duono.
Mi revas sendorma post mia balkono;
Sed dormas la eta provinca ĉefurb',
Velkintajn branĉetojn la vento frakasas.
Per paŝoj laŭritmaj policano pasas.
La luno vojiras tra ĉiela kurb'.
Drinkulo lamanta zigzagas la straton.
Vesperto skuigas la elektran draton
Malproksime ridas nokta belulin'.
Heroldo de morto –la popolo diras-
Noktua ekkrio silenton traŝiras.
-Ĉu pro birda amo? Ĉu pro homa fin'?

Daŭrigota